2-a JARO. NOVEMBRO 1909. 1-a NUMERO. (13).

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*



redaktata de Léon Champy, Frans Schoofs, Van der Biest-Andelhof kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

Mi erare anoncis en la lasta numero de «Belga Esperantisto» ke la proksima komitata kunveno de la Ligo okazos en Bruselo.

Laŭ unanima decido dum la kunsido de la 2a de Majo, la difinita urbo estas Antverpeno.

La komitatanoj de la B. L. E. bonvolu do kunveni en Antverpeno, la 21 an de Novembro, je la 10 1/2a matene, en la Taverne Royale, Place Verte 38 (1a etaĝo).

La membroj, kiuj ne povas ĉeesti la kunsidon, estas petataj sin anstataŭigi.

La Prezidanto de la B. L. E.
VAN DER BIEST-ANDELHOF.

## ESTONTA AGADO

Kun tiu ĉi numero nia Revuo eniras sian duan jaron. Grandplezure ni konstatas ke la celo kiun ni estis volantaj atingi estas trafita, eĉ pli ol ni esperis. Nia modesta verko estas ŝatata enlande kaj eksterlande ; el ĉiuj lokoj ni ricevis gratulojn kaj kuraĝigojn. Tiu ĉi feliĉaĵo ne devas ekdormigi nin ; male, pli kuraĝe kaj vigle ni daŭrigos niajn klopodojn, ĉar nia tasko pligrandiĝas ĉiutage.

Dum pasinta jaro inter la ĉefaj okazintaĵoj de la esperantista movado en nia lando, la apero de belga esperantista organo estas citinda, ĉar ĝi ekvekis multajn samideanojn kiuj tro dolĉe dormadis.

Le Ia Belga Kongreso okazinta en Verviers dum Junia monato lasta konatigis ke sufiĉe da bonaj esperantistoj estas pretaj por daŭrigi energie la batalon. Ni do povas rigardi konfide la estontecon. La kelkaj agituloj kiuj entreprenis kapti la esperantistan movadon, estas venkintaj nun, kaj nun brilegas la Verda Stelo kies lumo sufiĉos por konduki niajn paŝojn kaj doni la necesan fervoregon por daŭrigi la belan verkon de la glorinda D-ro Zamenhof.

Sed, la plej ĉefa inter la diversaj faktoj estas la decido de la Barcelona Kunsido pri la VIIa Kongreso, kiu okazos en Antverpeno dum la jaro 1911.

Certe estas granda honoro por nia lando kaj ni povas esti fieraj kaj ĝojaj pri tiu elekto, sed la tasko estos grandega kaj ne estas tro frue por komenci ageme la laboradon.

Jen sufiĉe da laboro por nia Revuo. La programo de la nuna jaro estas facile trovebla.

Sufiĉfoje estis konigata ke Esperanto taŭgas por la rolo por kiu ĝi estis kreita. En proksima artikolo ni detale ekzamenos tiun punkton, sed nun, ni volas nur fari varman alvokon al ĉiuj belgaj esperantistoj por ke ili tuj sin preparu por la granda agado kiu baldaŭ komencos.

Jam kvin Kongresoj okazis kaj ĉiufoje oni konstatis la perfektan taŭgecon de nia lingvo por diskuti, paroli, korespondadi kaj interkompreni sin ĉiumaniere. La provperiodo estas finata ; nun ni devas praktikigi laŭ definitiva maniero la kreitaĵon de nia Majstro.

Generala uzado de lingvo internacia estas nur akordo inter la diversaj nacioj. Kial do nia lando ne prenus sur sin la taskon proponi al ĉiuj nacioj adopti kaj akcepti laŭ definitiva maniero la uzadon de Esperanto kiel internacian lingvon por interrilatoj?

Daŭrigi la nunan staton estas sen utilo, senigi la homaron de unu el la plej grandaj bonfaroj je kiu ĝi havas rajton.

Kial, nur por lingvo internacia, oni deziras la idealan perfectecon ? Perfekteco ne ekzistas sur tero ; tio kio ŝajnas al ni perfekta hodiaŭ, ne estos plu perfekta morgaŭ aŭ postmorgaŭ. Progreso ne haltiĝas. Ĉu por aliaj elpensaĵoj kiujn la homaro ĝuas, oni atendis ĝis ili estu perfektaj por disvastigi ilin tra la mondo ? Tute ne ; male, la disvastigo plibonigas ĉion.

Estas vera krimo, volonte kontraŭbataladi aŭ fari ion kapablan, malrapidigi nur unu tagon, la akcepton de lingvo internacia, kiu devas alporti per sia enkonduko inter la diversaj popoloj, pacon kaj socian bonstaton.

Ĉar oni diras « voli estas povi », nur volo estas necesa por solvi la demandon ; kaj kial nia lando ne havus tiun volon ? Ĉu Belgujo ne jam sin distingis en ĉiuj humanaj

movadoj ? Ĉu ĝi ne ĉiam estis en la ĉefa vico por enkonduki multajn rimarkindajn eltrovaĵojn de la lasta jarcento ? Ĉu ĝi ne brilegas ĉiam en sciencoj, industrio, artoj, k. t. p. ? Ĉu oni ne vidis ke tre ofte diversaj ne organizitaj landoj sin turnis al ni por ke belganoj organizu diversajn servojn sammaniere kiel ili estas organizataj en nia lando ? Do tre ofte nia lando montris kaj donis la bonan ekzemplon. Kial do ĝi ne same farus por la enkonduko de helpanta lingvo ?

Tiu rolo estas pli nia ol tiu de granda nacio, kaj ĉiuj malgrandaj popoloj devos helpi nin.

Por tion fari, belgaj esperantistoj, ĉiuj vi stariĝu ; rememoru al vi nian gloran estinton ; rememoru nian nacian devizon kaj la sukceso estos nia.

Malnovaj esperantistoj, vi kiuj jam bataladis por nia movado, pripensu ke kontraŭbatali aŭ ne helpi nin, estas malbona ago, eĉ krimo kontraŭ humaneco ; plie, ne estas inda je nia raso, kiu ĉiam konatiĝis pro sia unueco. Bataladi kontraŭ tiu granda humana verko estas ankaŭ bataladi kontraŭ sia propra patrujo. Esperanto estas ilo de paco kaj ne povas permesi ke samrasuloj interdisputadas pri tiel nobla afero.

Oktobro estas la sezono dum kiu la rekrutoj eniras en la rangojn de la armeo ; same la nove varbitoj esperantistaj komencas la kursojn kaj ankaŭ eniras en la rangojn de la Granda Internacia Armeo de pacemuloj. Baldaŭ, kiel ni, ili estos soldatoj kaj batalados por la granda ideo de l'Esperantismo. Bonvenon ! Ne timu, novaj batalantoj, sekvu ĉiam la rektan vojon, ne deflankiĝu el la kondutlinio montrita al ni de viglaj homoj kiuj jam dum 22 jaroj klopodas por nia bela movado. Estas nur tiamaniere ke la sukceso estas certa.

Ne aŭskultu la voĉon de kelkaj reformemuloj,kiuj ne hontas haltigi kaj eĉ volus pereigi la belan verkon de nia Majstro, pro la sola celo kapti lian gloron.

For ! for ! tiuj bataloj ; popoloj soifas pacon. Paco kaj unueco kondukos nin al la fina venko de la granda ideo de la lingvo internacia. Ĉiamaj interbataladoj, interdiskutadoj kaj malpacoj povas nur malhelpi nin en la atingo de nia granda celo.

Antaŭen do, ni laboru, ni klopodu senĉese, ĉiam antaŭen !

Léon Champy.

———xxx———

# Malferma Parolado de Doktoro Zamenhof en la Kvina Kongreso.

Karaj samideanoj kaj amikoj! Ciufoje kiam komenciĝas nova interkongresa jaro, ĉiu Esperantisto, kiu antaŭvidas por si iom da libera tempo kaj povas ŝpari iom da mono, komencas prepariĝadi al la estonta kongreso esperantista, al la plej proksima granda komuna festo de la popolo esperantista. Amikoj, kiujn ligas la sama ideo, la samaj aspiroj kaj esperoj, kortuŝite diris al si reciproke « ĝis la revido, » kaj kun ĝojo ili atendas tiun revidon. Kiel reciproke sin amantaj gefratoj, kiuj nur de tempo al tempo povas kuniĝi en la domo de siaj gepatroj, tiel la Esperantistoj sopire atendas tiun momenton, kiam ili povos renkontiĝi en la centro de Esperantujo, ame saluti sin reciproke, varme premi al si la manojn kaj diri al si: « ni vivas, ni honeste laboris en la daŭro de la jaro, ni gardis honeste la honoron de nia domo, ni povas kun pura konscienco partopreni en la komuna festo de nia familio. »

Sed dum ĉiu el vi prepariĝas al nia komuna festo kun koro tute ĝoja, mi faras tion saman ĉiam kun koro iom peza, ĉar en niaj kongresoj la sorto donis al mi rolon kvankam tre flatan, tamen samtempe ankaŭ tre ŝarĝan: mi estas devigata akceptadi honorojn, kiuj apartenas ne al mi. Prave aŭ malprave la mondo vidas en mi ĉiam la naturan riprezentanton de la anaro esperantista, la simbolon de la Esperantismo, de la esperantista lojaleco kaj unueco; kaj ĉar la homoj ne povas esprimi siajn sentojn al io abstrakta, tial ĉiuj esprimoj de simpatio kaj entuziasmo por la Esperantismo direktiĝas sub mia adreso.

Ekzistas tamen personoj, kiuj tion ne komprenas aŭ ne volas kompreni; ili envias la flagon pro la honoroj, kiuj estas farataj al ĝi; ili vidas en mi personon, kiu kvazaŭ ludas la rolon de ia reĝo. Jen estas la kaŭzo, pro kiu mi ĉiam kun peza koro veturas al niaj kongresoj. Forte, tre forte mi dezirus forrifuzi mian por mi tro turmentan rolon, kaj stari ne antaŭ vi, sed inter vi; sed la afero ne dependas de mia volo, ĝi dependas de diversaj cirkonstancoj, antaŭ kiuj mi devas min klini, se mi ne volas malutili al nia movado. Tial ankaŭ hodiaŭ mi staras antaŭ vi kiel simbolo de via afero kaj de via unueco, kiel via konkreta riprezentanto; mi akceptas ĉion, kio estas destinata por vi, kaj mi ĉion fidele transdonas al vi, popolo esperantista.

En ĉi tiu mia rolo de via riprezentanto, mi antaŭ ĉio atentigas vin pri la granda honoro, kiun faris al ni lia reĝa moŝto la reĝo Alfonso Dektria, afable akceptinte la honoran prezidantecon de nia kongreso. Mi esprimas en via nomo nian plej respektan dankon al lia reĝa moŝto. La reĝo Alfonso XIII longe vivu!

Mi atentigas vin pri la granda simpatio, kiun montris al nia afero la registoj de tiu lando, en kiu ni nun troviĝas ; ne sole ĉiuj ministroj prenis sur sin la patronecon de nia kongreso, sed la registaro de la lando en sia propra nomo per siaj ambasadoroj oficiale invitis la registarojn de aliaj landoj, ke ili sendu delegitojn al nia kongreso. Por ĉi tiu granda kaj tre grava servo mi esprimas en via nomo plej varman dankon al la registaro de la hispana regno.

Vi scias, kiel energie kaj zorge la loka organiza komitato laboris por belega kaj plej fruktoporta preparado de nia nuna kongreso. Vi scias, ke ili ne perdis la kuraĝon, eĉ malgraŭ la malfeliĉaj Barcelonaj okazintaĵoj, kiuj ĉiun el ni devigis pensi, ke la kongreso en Barcelono estas jam absolute nefarebla. Parton de tio, kion la komitato faris, vi jam vidis, la ceteran parton vi vidos dum la kongreso mem kaj en la postkongresaj tagoj. Al ĉi tiu multe laborinta komitato, kaj precipe al ĝia kara prezidanto, mi esprimas en la nomo de ni ĉiuj nian plej koran dankon.

Vi vidis, kian eksterordinare honoran kaj simpatiplenan akcepton preparis por ni la urbo Barcelono. Vi scias, ke nur apartaj, neantaŭviditaj cirkonstancoj malhelpis la urbon, montri kun plena entuziasmo kaj en sia plena amplekso sian grandan estimon, sian plej vivan simpation al vi, popolo esperantista, al via penado kaj laborado, al via celo kaj esperoj. En via nomo mi esprimas al la urbo nian plej profundan kaj sinceran dankon.

En la ĝisnunaj kongresoj mi havis ion por diri al vi, tial ĉe la malfermo de la kongreso mi parolis longe ; hodiaŭ mi havas nenion gravan por diri, tial mi parolos mallonge. Vi scias, kia estas nia celo ; vi scias, kia estas la sola vojo, per *kiu ni povas atingi tiun celon* ; ni marŝu do antaŭen diligente kaj harmonie. Se ni demandos nin, kion ni faris, en la jus finiĝanta interkongresa jaro, ni povos respondi : « Ni sane vivis, ni kreskis, ni fortiĝis en ĉiuj rilatoj. » Kian grandan signifon tio havas tion povas kompreni nur tiuj, kiuj komprenas la tutan gravecon kaj malfacilecon de nia afero, kaj kiuj mem laboris por ĝi. Kiel en la jaro jus finiĝinta, multaj el vi laboris por nia komuna afero kun granda fervoro kaj sindoneco ; al ili la Esperantistaro esprimas sian koran dankon. Sed dum la Kongreso, ni ne sole rakontos al ni reciproke pri la laboroj faritaj, ni devos plenumi ankaŭ *kelkajn laborojn komunajn*, kiuj postulas komunan interkonsiliĝon kaj interkonsenton.

Ni komencu en feliĉa horo niajn kongresajn laborojn kaj festojn, al la unuaj ni penu doni la plej bonan sukceson, en la duaj ni ĉerpu kuraĝon kaj forton por la laboroj de la jaro venonta.

---

## LA SIMBOLO DE L'AMO

Poezio kronita en la Floraj Ludoj Esperantistaj dum la Kvina Kongreso en Barcelona.

---

Rozujo sovaĝa, simbolo de l'amo
En *vintro* vi staras, sen ia ornamo !
En kampo vi nuda ĉagrenas dezerte
Rozujo, malvarmo mortigos vin certe.
Mallaŭte tre dolĉa voĉeto elsonas :
« Silentu, silentu, mi dormon bezonas
« Min nutras denove patrino la tero,
« Trankvile atendas mi ĝis la somero »
Dormantan rozujon *printempo* vekigis
*Somero* ĝin riĉe kaj bele florigis
Ho, donu al mi nun kroneton belfloran
Girlandon balancan kaj brilekoloran !
« Ne tuŝu ; ne ŝiru floraron, la mian,
« Mi pikos, mi vundos la manon, la vian,
« Pro amo, mi miajn floretojn defendos
« Pro amo, mi miajn pikilojn forsendos ».
Al vento ĝi florofoliojn oferis
*Aŭtune* la fruktoj fiere aperis
Rozujo simbolo de l'amo vi restas
Tranvila, alloga, kuraĝa vi estas !

MARIA HANKEL.
(*Reĝino de la Festo*)

---

## AKCEPTO

Vi frato alveninta de malproksima tero
En nia varma hejmo, ripozu post la ven'
Al vi la patra seĝo kaj ora la vinbero !
La glaso de la festoj, kaj nia frata ben'
Vi frato alveninta de malproksima tero
En nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

Por vi varmigis fruktojn la suno dum somero
Por vi ni gardas vinon pli ruĝan ol ruben'
Kaj por ke via kapo dormadu sen danĝero,
La frata brako nia fariĝos la kusen'
Vi frato alveninta de malproksima tero
En nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

Vi ŝmiris vian frunton per amo kaj per vero
Neniam vin lacigis la refratiga pen'
Vi portas sur la tero la signon de l'Espero
Ligantan niajn sortojn per nerompebla ĉen'
Vi frato alveninta de malproksima tero.
En nia varma hejmo, ripozu post la ven'.

(*Poezio de* Frédéric PUJULA, *muziko de* F. B. LAMBERT.)

## FIDELECO.

Sur sablo de areno
Martirulo konstanta
Sigelas fidelecon
Per sango fluanta.

De tero la movado
Per klerul' malkovrata ;
« Kaj tamen ĝi moviĝas ! »
Li vokas bruligata.

Havenon timonisto
Flugigas·ŝip' en fajro,
En mano direktilon
Se mort' ankaŭ salajro.

Mortiga dum malsano,
Sekvante noblan revon,
Sindona kuracisto
Plenumas sian devon.

Per mano ferma flagon
Soldato en batalo
Premegas, eĉ trafita
Per kuglo, ĝis al falo.

Jen almozul' blindulo
En la mizero-fundo,
De ĉiu forlasita —
Sed ne de sia hundo.

Hirundo malproksiman
Retrovas longan vojon,
Pasante mar'-landlimon,
Al sia nest' multfojon.

Hedero ĉirkaŭ arbo
Ameme rondturniĝas
« Mi mortos » redirante
« Ci kie mi aliĝas ».

Kaj ĉu Esperantisto
Forlasus sian stelon ?
Forgesus aŭ perfidus
La altan, sanktan celon ?

Malhelan nokt' preferus
Stelaran ne rebrilon ?
Daŭrigus bataladon
Havante pacigilon ?

Ne eble ! Jen la flago !
Ni montru nian econ :
Al la gvidanta stelo
Ni juru *fidelecon !*

ROSA JUNCK.
*Bordighera, Italujo.*

---

## AŬTUNO

La vento d'aŭtuno blovas ! Kaj blovante tra la altaj pintoj de la preskaŭ nudaj arboj, ĝi kantas la funebran kanton de la falantaj folioj. La vento d'aŭtuno blovas !

La malluma pluvaero, la ĉielo kiu ŝajnas por ĉiam kovrita, la malgajo de la tuta naturo malsupreniris sur nin kaj penetris nian koron kaj animon... .Naturo estu kompatema, donacu al ni, de temp' al tempo kelkajn el viaj ĝojigaj sunradioj !

Ni trapaŝis la sojlon de la postjaro ; la folioj flaviĝis, la fruktoj maturiĝis. La sekaj folioj krakas sub la piedoj de la vojirantoj kaj la vento d'aŭtuno puŝas ilin turniĝantajn kun polvo kaj sablo en la alton. La vento d'aŭtuno blovas....

L' aŭtuno estas la epoko de la rememoroj. Melankolie la homo revadas pri la forfluginta printempo kaj pri la varma somera suno; kun ĝojo, kun kontentiĝo, li rerigardas la estintecon. Kaj se la folioj falas ĉirkaŭ li, ankaŭ en lia koro la folioj faladas. La folioj kiuj dum la printempo estis verdaj kiel la kolorplena simbolo de l' espero, nun flaviĝis; ili riprezentas nun la estintecon, la rememoron. Dolĉe la homo gustumas nun la maturigitajn fruktojn kies semojn li jetis dum la printempo kaj kiujn li plantis dum la antaŭaj jaroj. Ekstere estas kviete, trankvile kaj revigante; la vento d'aŭtuno blovas kaj la folioj faladas. Kaj kun ĉiu folio teren falanta, ankaŭ folio de elreviĝo falas en la homa koro, kaj emociita li rememoras la parolojn de la Sankta Biblio: Vaneco de la vanecoj kaj ĉio estas vaneco....

Junuloj, por vi mi skribas, por vi kiuj estas plenaj je vivo, plenaj je vivĝojo, dum la naturo ekmortas; por vi kiuj estas en la printempo, dum ni jam estas en l'aŭtuno de la vivo. Al vi kies folioj estas verdegaj, dum la niaj jam ekfalas kaj premiĝas sub la piedoj de la pasantoj.....

Al vi, junaj arboj, vivoplenaj branĉoj, al vi.... Profitu bone la printempon de la vivo: elĝermigu foliojn verdajn kiel la espero; kreskigu florojn bonodorajn kiel la virto. Profitu la freŝan rozeon kaj la bonfarantajn sunradiojn de la vivo; zorgu ke, dum la aŭtuno de via vivo, vi portu belajn kaj multnombrajn fruktojn. Kaj kiam la vento d' aŭtuno ankaŭ por vi blovos, tiam vi povos, dum la komencanta vespero de via vivo, rerigardi ĝojplenan printempmatenon kaj agrablan kaj helan somertagon. Tiam la arbo estos plena je belegaj fruktoj dum ĉirkaŭ vi ĉie la folioj falados.

Ho printempo..... ho aŭtuno.

Antverpeno, 15-an de Oktobro 1909. VERDA STELO.

——xxxx——

# ESPERANTO FACILA

## MAŜINA FLUGADO

Rorr!... rorr!...

Tra la nokta mallumo 1) la flugmaŝino autaŭen rapidis. Kraft kaj mi vidis nenion malproksime: mallumo estis malsupre, antaŭe, ĉiuflanke; nek luno, nek stelo sur la nigra ĉielo.

Rorr!... rorr!... Ni nur aŭdis la tremetadon 2) de nia multepova japana ŝraubo kaj la fajfadon de la vento kontraŭ la blankaj flugiloj de nia maŝino.

Ni silentis. Kraft, sidanta je l' alia flanko de la motoro, direktis la lumon de sia lanterneto sur siajn ilojn kaj kartojn, li legis kaj kalkulis senĉese. Kompreneble li perdis la vojon.

Mi rigardis antaŭen, la vidilon 3) antaŭ miaj okuloj. Jen mi rimarkis, tre malproksime kaj iom pli malalte ol ni, helan, blankan lumpunkton. Mi tuj atentigis Kraft pri ĝi.

« Bone, bone ! Estas direktebla balono », li diris, « ĝi iras preskaŭ laŭ nia direkto, ni baldaŭ atingos ĝin ».

Efektive, — nia flugmaŝino estis mirindaĵo 4) ! — post kvaronhoro ni flugis flanke de la balono, en ĝia hela elektra lumo. Ni tre bone rimarkis tra la vitroj de la grandaj salonkorboj la vojaĝantojn, kiu gaje kartludis kaj trinkis.

Kraft, adresante sin al la pilotoj antaŭe, demandis per stentora voĉo : « Où sommes-nous, Messieurs ? »

Nenia respondo. La pilotoj rigardis nin mute. 5)

« Wo sind wir, meine Herren ? »

Sama efiko.

« Kraft ! » mi kriis, « ĉu vi ne vidas la nomon de la balono : Zamenhof ? Parolu do Esperante ! »

« Samideanoj, kie ni estas ?»

« Bavarujo », nun respondis unu el la pilotoj, « je 40 kilometroj de Nurnberg'o. »

« Kaj kie estas la Granda Zeppelin Strato ? »

« Je 60 kilometroj dekstre. »

« Ĉu vi ne laŭiros tiun vojon ? »

« Ne, Sinjoro, tiu ĉi estas la regula balonkorbaro el Madrid. Ni devas direkti nin al Sankta-Petersborgo per la Larĝa Blériotstrato. »

« Mi dankas vin. Bonan vojaĝon ! »

« Same ! adiaŭ !... »

« Nun mi estas kvieta », diris Kraft kaj ŝanĝis la direkton de la flugmaŝino. Kaj kviete li klarigis al mi, ke alte en la aero, oni trovas konstantajn aerfluojn 6) aŭ ventstratojn, kiel en la oceano ; ke tiuj aerfluoj restas ĉiam super ĉiaj nuboj ; ke nek tiuj ĉi, nek uraganoj detruas la stratojn, kiuj, pro tio tre favoras la traaeran movadon.

Ni altiĝis senĉese. Ni traboris densan nebulon 7), kaj, ankaŭ ĉiam antaŭen irante, ni alvenis fine sur blua, plenstela ĉielo.

Jam post duonhoro ni trovis la Zeppelinstraton. Malproksime antaŭ ni, diverskoloraj lumpunktoj rapidis en longa aro laŭ sama direkto. Estis kiel grandega « retour du Bois de Boulogne » en la aero.

« Ĉiuj tiuj transportiloj iras en la direkto de la Nigra Maro, al Vieno aŭ al Konstantinoplo », diris Kraft.

« Ĉu vi intencas iri tien ? » mi demandis. « Mi tre ŝatus malsuprenflugi por dormi en hotelo.»

« Aŭskultu ! En Budapesto ni trovos grandan Esperantan hotelon, kun konforta forflugejo 8) sur la tegmento. En tiu hotelo ni loĝos.

Rorr !... rorr !...

« Hura ! » kriis Kraft ; « Jen ni estas en la Zeppelinstrato ! Triobla rapideco nun ! Ni atingos ĉiujn antaŭ ni ».

Mi ne havis ideon pri la rapideco, sed komprenis ke ĝi devas esti terura ; ĉar dum kvin minutoj da tempo, mi rimarkis malsupre la luman helecon de tri urboj.

Ni pasis grandan direkteblan balonon. Kraft salutis la pilotojn, kiuj estas Hindoj.

«Samideanoj» ! eĥois ili.

Ni atingis du, tri flugmaŝinojn kiel nia.

«Samideanoj ! Samideanoj» ! estis la krio, ripetata je ĉiu renkonto, eĉ Japanoj salutis nin. La Granda Zeppelinstrato estis vere plenmova, tre gaja.

O Esperanto ! Paco inter la popoloj, progreso per senĉesaj interrilatoj ! Jen estis ja la sonĝo de nia kara Majstro en tuta realeco. La popolaj interrilatoj estas nun tiel gravaj, ke oni bezonas Esperanton en la buŝoj tiel kiel olean esencon en la motoroj.

«Diablo» ! sopiris Kraft mistere. Ni ne havas plu da esenco, la motoro ne marŝas plu, ni falas».

«Kraft» ! mi kriis. «Kion vi faris ? Estas nia morto ! »

Efektive la lumoj de la Zeppelinstrato subite paliĝis super ni, ni falegis ! . . .

Mia koro ne frapis plu. Mi febre ĉirkaŭpremis la kolon de... mia edzino, kiu, dolĉe sin liberigante, diris : «Dormu do kviete. Vi vidas ke ĉeesti eksperimentojn de flugmaŝinoj ne estas bona por viaj nervoj».

SKALDO.

**Klarigoj** — (1) mallumo : duisternis, obscurité, — (2) tremetadon : davering, trépidation, — (3) vidilon : verrekijker, longuevue, — (4) mir-ind-aj-o : wonder, merveille, — (5) mute : stom, muet, — (6) aerfluo : luchtstroom, courant aérien, — (7) nebulo : mist, brouillard, — forflugejo : luchtstatie, aérostation, (9) ĉirkaŭpremi : omhelzen, embrasser.

---

## PROBLEMOJ(1)

1- **Metagramo.** — Sur miaj kvin piedoj mi estas mirinda lulileto. Sesfoje ŝanĝu mian kapon, mi fariĝos :

1. Ĝoja kaj ofte solena tago. — 2. Terura malsano. — 3. ujo. — 4. Estaĵo. — 5. Ŝirmilo. — 6. Signo.

2. **Divenaĵo.** — Ĉiu povas vidi min en tago, tamen oni trovas min nek en mateno, nek en vespero, nek en lumo, nek en nokto. Kio mi estas ?

3. **Ŝarado.** — Mia unua estas pronomo. — Mia dua, konstruaĵo plej ofte subtera. — Mia tuto estas blanka metalo.

PLANTANO.

---

(1) Oni sendu la solvojn al S-ro Frans Schoofs, sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (49, rue de la Petite Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

## El la Esperantista Ĵurnalaro.

— Ni elĉerpas el la Oktobra nº de *Lingvo Internacia* la sekvantajn parolojn :

« La Akademio decidis, ne konsili la enkondukon de novaj afiksoj en la komunan lingvon, kaj tute prave.

Ĉu *arboza* ekzemple estas pli facile kaj ĝenerale kompreneble, ĉu pli agrabla al la orelo, ol *arboriĉa* ? ĉu *ŝtonoza* pli ol *ŝtonplena, ŝtonhava* ?

Ĉu *misuzi* estas pli klara, ol *malbonuzi* ? Tiu prefikso *mis* (france *més*) cetere havas tre malsamajn sencojn, se oni komparas la francan, germanan kaj anglan lingvojn, kaj ni povas antaŭvidi, ke la diversaj lingvanoj ĝin uzus tre malakorde

Granda singardemo estas la regulo de la Akademio kaj pro tio oni povas ĝin nur gratuli. Ĝi komprenas, ke, se nia nuna komuna lingvo, t. e. la ĉiutaga kaj la literatura, ne estas tro komplika, jam sufiĉe komplika ĝi estas, kaj ke la agado de la « praktikaj » propagandistoj fariĝus neebla, se oni komplikus Esperanton por plaĉi al kelkaj tro delikataj nuancistoj aŭ senspertaj « logistikistoj ».

Sed eble la ŝanĝemuloj, — kiuj nomas sin progesemuloj ne ĉar ili pli ŝatas la progreson, ol la ceteraj, sed ĉar por ili la progreso konsistas malpli en la disvastigado kaj uzado de la lingvo, ol en ĝia modifo, — ne estos kontentaj kaj komencos batali kontraŭ la Lingva Komitato, kiu plene aprobis la metodon de la Akademio. »

— El la « *Suno Hispana* » :

« En tiu tempo diris la homoj : Ni starigu kontrakton, kiu an'taŭgardos nin kontraŭ la milito ; kaj ili sendis delegitojn al Holando.

Kaj la delegitoj parolis per malsamaj lingvoj ; kaj ili ne komprenis unu la alian ; kaj nenion povinte kontrakti ili disiris.

Iom da tempo poste, la internaĵoj de la tero ektremegis, kaj la tertremo detruis urbojn kaj vilaĝojn kaj mortigis multnombrajn homojn kaj familiojn.

Kaj tiam la homoj sin sentis fratojn, kaj iliaj koroj parolis per unu sola lingvo : la lingvo de koro ! »

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Abono al « Belga Esperantisto » povas esti farata per poŝtkarta transpagilo de la Ĉekbanko.** — La regularo de la Ĉekbanko estas ricevebla de la Internacia Propagandejo Esperantista aŭ de la banko mem, ambaŭ en *Merton Abbey, London W.* Petu ankaŭ tie la de E. Ĉefeĉ jus eldonitan broŝuron : « Ĉu Internacia Monunuo kaj Pagilo estas efektivigebla, kaj kiamaniere povas utili la Ĉekbanko Esperantista al ĝia enkonduko kaj ĝenerala akcepto. »

**La Universala Esperanto Asocio** progresadas en nia lando. La jara kotizajo estas nur F. 0.90 kaj la profitoj estas multaj, precipe por komercistoj.

**« Propaganda Societo ».** — Pro la baldaŭa foresto de S-ro Wambacq, la raportisto de la Propaganda Societo estas nun S-ro A. Landenne, Huy. Ĉiuj membroj estas petataj sendi al tiu Sinjoro raporton pri propagandaj publikaj paroladoj.

— Paroladoj estos baldaŭ farataj de S-ro Abato Richardson en Verviers, Gento & Mehleno.

**Bela Memoraĵo de la 5a Kongreso Esperantista.** — Ni atentigas speciale ĉiujn esperantistojn pri la belega kolekto da poŝtkartoj kiun la Eldonejo Esperanto, (Langestr. 27, *Leipzig*) jus eldonis. Tiu kolekto, enhavanta 14-kartojn bonege prizorgatajn, kostas nur Sm. 0.55 (Fr. 1.40) afrankite. Aĉetante 10 kartarojn, oni ricevas 20 pocentan rabaton. — Ni esperas ke ĉiuj propagandistoj de Esperanto uzos tiujn kartojn por pruvi al la varbotoj la sukceson de niaj kongresoj

**Grava avizo al la Preslaboristoj.** — La Internacia Ligo de la Esperantista Preslaboristaro komunikas al ni sian definitivan regularon. Ni instigas ĉiujn belgajn esperantistajn preslaboristojn demandi tiun regularon al la sekretario de suprecitita Ligo : Luis Carlos, rue Rollin 7, Paris.

**Bona propagandilo.** — Ni atentigas la Belgajn Grupojn — precipe tiujn en la valona parto de nia lando — pri la utilo kiun povas havigi al ili la eldonaĵo « L'Informilo ». Tiu kvarpaĝa ĵurnaleto kiu aperas trimonate, estas redaktata en franca lingvo kaj notas ĉiujn gravajn faktojn esperantistajn. La eldonanto starigis tarifon kiu enhavas malgrandajn kvantojn por ebligi al ĉiuj grupoj uzi la « Informilo'n » por sia propagando. Jen la tarifo :

10 ekz. F. 0.40 ; 25 ekz.. Fr. 0.80 : 50 ekz. Fr. 1.50 ; 100 ekz. Fr. 2.50 ; pli ol 200, Fr. 2.00 po cento. (Eksterlande F. 0.30 pli po cento). Mendu ĉe : G. Perrin, 8 rue de Rôme, Calais (France).

**Samideano Ĉiumonata**, Internacia Ilustrata Esperanta Revuo, por literaturo, scienco, belarto, familia legilo de multaj okcidentuloj kaj orientuloj. Kun aldono de Originala Pentraĵo de 30 koloroj aŭ plu. Tre rekomendinda gazeto kies jara abonprezo estas Sm. 2.75. Unu numero : Sm. 0.25. — Sin turni al S-ro M. Hikosaka, 33 Abekawamachi-Asakusa, Tokio (Japanlando).

**La jara abono de la monata organo « Lingvo Internacia »** (presata nur en Esperanto) kostas nun Fr. 5.— (Sm. 2.—)

Kun literatura Almanako : Fr. 7.50 (Sm. 3.—).

Administracio : Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.

**Deziras korespondi :**

Richard Tykva, Naprstkova 208, Praha I, (Bohem.)

Karel Susa, Vratislavova ulice čis 77, Praha-Vyšehrad (Bohem).

# BELGA KRONIKO

## GRAVA AVIZO

*Ni atendas regule antaŭ la fino de ĉiu monato novaĵojn pri la esperanta movado el la diversaj belgaj urboj kie ekzistas grupoj aŭ loĝas samideanoj.*

**ANTVERPENO.** — Merkredon la 13an de Oktobro, la Antverpena Grupo Esperantista okazigis sian ĉiujaran malferman feston en la festsalono de la Reĝa Ateneo.

La granda kunvenejo estis tute plena : kaj ne mirinde tiu fakto. La paroladon faris S-ro Carlo Bourlet, el Parizo, unu el la esperantista

eminentularo. Kiel temon S-ro Bourlet priparolis *L'Esperanto en la militistaro, la maristaro kaj la Ruĝa Kruco*. La parolado, kiu estis ilustrata per lumvidajoj, faris grandan impreson. La muzika kaj dramatika parto de la programo estis tre prizorgita. Fraŭlino P. De Jaegher multege sukcesis, ludante fortepiane la « Chant Hongrois » de A. Dupont ; S-no C. Delhaye per belega voĉo kantis ariojn el Samson kaj Dalila », « La Tosca » kaj « Louise » ; Fraŭlino I. Vermeulen laŭtege aplaŭdiĝis pro ŝia nesuperebla deklamo de « La preĝo sub la Verda Standardo » kaj S-ro Albert Tyck impresigis la aŭdantaron per la kantado de « Vespera Stelo de Tannhauser, kaj «Stances de Lakmé».

La tuta ĉeestantaro starante aŭskultis la «Esperantan Himnon» kaj unuvoĉe rekantis la unuan strofon.

La komedio «L'Héritage Klodarec» de F. de Ménil, bonege interpretata de Fraŭlinoj Vermeulen, Casie kaj Herickx, kaj Sinjoroj de Nave, Van Lede kaj aliaj rimarkindaj artistoj finigis tiun belan vesperfeston. Post la festo la Antverpenaj samideanoj kunvenis en la sidejo de la Gastotablo en la hotelo Stein, kie ili ankoraŭ restis kantante kaj kunfratiĝante kaj precipe bedaŭrante ke la horoj forflugegas kiam oni estas tiel gaje kaj frate kunvenante.

La komitato de la Antverpena Grupo Esperantista organizis du novajn kursojn pri Esperanto en la Asocio de la Antverpenaj Ruĝkrucanoj. La kurso por sinjorinoj kaj fraŭlinoj estas farata de Fraŭlino de Jaegher ; la viran kurson faras S-ro Oscar Van Schoor, prezidanto de la Antverpena Grupo.

— « La Verda Stelo » komencis kun bona rezultato siajn du ordinarajn kursojn en la komunuma lernejo 16, Groote Hondstraat.

— La nova grupo Suda Lumo, 36, Leopold De Wael-plaats, donas en la komunuma lernejo de la Kasteelstraat ĉiuĵaŭde, je la 8 1/2 vespere du esperantajn kursojn, unu per flandra kaj unu per franca lingvo.

— La 20 an de Oktobro, S-ro A. Stas komencis esperantan kurson organizitan de la Belga Spiritista Federacio. La kurso kiu daŭros tutan vintron 1909-1910, kaj enhavos 15 lecionoj, okazas ĉiumerkrede je la 9a vespere en la sidejo de la Federacio, Nijverheidslei, 88. Estas jam la dua kurso kiun la Federacio organizas.

— La jurnaloj Le Matin, La Presse, Het Handelsblad, Le Journal d'Anvers, la Métropole kaj aliaj publikigis dum la lasta monato artikolojn kaj sciigojn pri niaj festoj, kursoj kaj movado. Nian koran dankon.

**BERCHEM.** — La Berchema Grupo Esperantista starigis kurson de Esperanto kiu de la 23a de Oktobro okazas ĉiusabate je la 8a kaj duono vespere en la Café des Arts.

— La Berchem'a sekcio de la Ruĝa Kruco siaflanke organizas kunvenojn por la lernado per Esperanto de la flegaj ekzercoj.

La Verda Lumo, Berchema laborista esperantista grupo komencis la 21an de oktobro en la sidejo de la grupo, De Kroon, Bindstraat, 25, esperantan kurson, kiu okazas ĉiuĵaŭde, je la 8a vespere.

— La 26an de Oktobro nia samideano Frans Schoofs faris paroladon en la Liberala Juna Gvardio de Berchem.

**BEYNE-HEUSAY** — En la kunveno de la 23a de Oktobro de la vigla grupo Antaŭen oni decidis organizi novan esperantan kurson ; nia samideano S-ro Albert prenis sur sin la taskon instrui la novajn samideanojn.

**BOOM.** — Jaŭdon 28an de Oktobro, en la salono de la komunuma domo, la Boom'a Asocio de Ruĝkrucanoj havis sian ĝeneralan kunvenon. Krom la membroj, ankaŭ multnombraj invititoj ĉeestis la kunvenon. Nia agema Boom'a propagandisto S-ro C. Babilon faris belegan paroladon pri « Ruĝa Kruco kaj Internacia Lingvo ». La ĉeestintoj per laŭtaj aplaŭdoj pruvis al la paroladinto ke li sukcesis interesigi ilin pri nia esperantista celo. S-ro G. Struyf, prezidanto de la Boom'aj Ruĝkrucanoj, kaj S-o J.

Clerbaut, prezidanto de la Boom' a Grupo Esperantista dankis kaj gratulis nian simpatian samideanon Babilon. Kiel konkludo oni organizis novan esperantan ĉiusemajnan kurson.

— La urba administracio de Boom permesis al la Booma grupo okazigi la novan esperantan kurson en la komunuma lernejo. Multaj novaj samideanoj jam enskribigis sin.

**BORGERHOUT.** — 16an de Oktobro, je la 9a vespere, la juna sed jam forta grupo Laboro okazigis sian malferman feston. Nia lertega samideano, S-ro Ad. Finet paroladis pri nia Esperanta helpa lingvo. « *Kial Esperanto* tio estis la temo de lia tre interesa parolado kiu per novaj formoj vestigis la jam multfoje aŭditajn argumentojn kaj kialojn por la lingvo Esperanta. Lia bela parolado ricevis grandan sukceson kaj la laŭtaj aplaŭdoj de la tuta ĉeestantaro montris sufiĉe ke la paroladinto multege interesis siajn aŭkultantojn. Nia samideanino I. Vermeulen multege sukcesis deklamante la « Preĝon sub la Verda Standardo « kaj Fraŭlino H. Seebus per la kanto de « La Frenezulino » kaj de « Amkanto » treege ĉarmis la ĉeestantojn. La teatrajeto « Kiel oni fariĝas Esperantisto » kaj poste la reprezentado de vivantaj statuoj finigis la feston kiu alportis multajn novajn samideanojn al nia Borgerhout'a grupo. Inter la ĉeestantoj oni rimarkis S-ron De Smeth skabenon de la publika instruado kaj honoran prezidanton de la grupo, S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la Belga Ligo, kaj ankaŭ samideanojn el la diversaj grupoj de Antverpeno Berchem'o, Boom'o k. t. p. Post la festo, la diversgrupaj Samideanoj kunvenis en la sidejo de la Grupo kaj vere frata kunsido finigis tiun belan esperantan vesperon.

**BRUGGE.** — Ĵaŭdon, 14an Oktobron, S-ro Carlo Bourlet, la simpatia direktoro de la Revuo, faris belegan paroladon pri Esperanto en la salono de la provinca hotelo en nia Urbo. Lia Barona Moŝto A. Ruzette, provincestro kaj honora prezidanto de la grupo, la Urbestro Lia Grafa Moŝto A. Visart, la Prezidanto de la Juĝistaro S-ro C. Serweytens, kaj multnombraj profesoroj de la diversaj lernejoj ĉeestis la paroladan kunvenon.

Kompreneble, la parolado de nia eminenta samideano treege interesis la ĉeestantojn kaj la impreso farita de liaj majstraj paroloj grandege sukcesis. Jam multaj Bruĝanoj enskribigis sin por sekvi la novajn kursojn kaj ni esperas ke kiam dum proksima Maja monato ni ĉeestos la Bruĝan kongreson organizotan de la Belga Ligo, ni vidos tie multajn novajn samideanojn kiu kunfratiĝos kun la malnovaj en- kaj eksterlandaj esperantistoj.

— La Bruĝa Grupo kiu havas jam kiel honoran prezidanton, lian baronan Moŝton A. Ruzette van Caloen de Basseghem, provincestron de la Okcidenta Flandro, sciigis ke la Skabeno de Publika Instruado, S-ro Advokato Jos. Schramme akceptis la Vic-prezidantecon de la Grupo. Niaj sinceraj gratuloj al la agemaj bruĝaj samideanoj.

— Ĵaŭdon 21an Oktobron, je la 9a vespere, nia sindonema amiko, S-ro A. J. Witteryck, Vic-prezidanto de la Belga Ligo, faris belan paroladon pri « *La iloj por internaciaj interrilatoj pri sciencaj kaj intelektaj aferoj* », en la Bruĝa sekcio de la flandra Societo « Davidsfonds ».

La jurnaloj « Brugsch Handelsblad » kaj « Journal de Bruges » presigis artikolojn pri nia movado en la urbo. Koran dankon.

**BRUSELO.** — « Esperanta Pioniro », la nova grupo esperantista ĉe la « Cercle Polyglotte » bonege prosperas kaj prave daŭrigas labori por la celo de la eks-Sekcio Esperantista, kiu ĉiam instruis Esperanton de D-ro Zamenhof. La grupo kalkulas jam pli ol 40 membrojn inter kiuj S-ro Senatano La Fontaine, S-ro Otlet kaj S-ro Masure de la Sekcio Bibliografia de la Muzeo. Ĝi havas 23 diverslandajn korespondantajn grupojn. — Ĝiaj kunvenoj okazas ĉiusabate je la 8a vespere en Hotelo Ravenstein, Ĉambro 7a.

